Año IX (N.º 102)

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 6

JUNIO 1957

PELAYO, 7

VALENCIA

(ESPAÑA)

## ANTE EL CONGRESO DE MADRID

La Federación Española de Esperanto promueve cada año, desde su fundación, un congreso en el que, a la par, se hace recapitulación de las tareas cumplidas y se traza el programa de los deberes para el próximo ejercicio. Además, es la ocasión única de encuentro y fraternización para los esperantistas españoles y el gozoso motivo de recibir, como huéspedes de honor, a un puñado de amigos extranjeros, que contituyen de paso la prueba palpable de la razón de nuestros postulados.

Si los congresos no llevasen consigo otra ventaja que la de ese jubiloso encuentro de los componentes de esta gran familia, ya valdría la pena de no faltar a ellos, pues el primer peldaño para constituir una gran familia mundial, mediante el fraternal idioma, es la formación de un fuerte núcleo esperantista en nuestra nación, engendrado por la comunidad de doctrina idiomática, y también por la fusión de afectos que produce la reiterada reunión anual. Pero este año, a la satisfacción personal y al cumplimiento de un deber social se añade un motivo para que ningún esperantista falte al congreso. El hecho de celebrarse en Madrid, capital de la nación y cabeza indudable del intelecto patrio, en donde toda actuación de índole cultural tiene una resonancia transcendental, obliga moralmente a todo esperantista consciente a que participe activamente en él. Tanto el número como el valor contributivo de los congresistas han de pesar mucho más que en cualquier otro congreso, ante la prensa y las posibles delegaciones gubernamentales que nos observen. Motivos son estos que deben decidir a los dubitativos a inscribirse, asistir y tomar parte activa en esta gran manifestación de vida esperantista, capaz, por sí sola, para enfervorizar a los más tibios, y que este año ha de tener especial interés para el ulterior desarrollo del Esperanto en España.

Si a todos estos fundamentales motivos hay que añadir la importancia turística de la gran capital, una de las más hermosas de Europa, y de sus incomparables alrededores, llenos de recuerdos históricos y artísticos, debemos esperar que la asistencia sea digna del lugar, del acontecimiento y de los esfuerzos llevados a cabo por los samideanos de Madrid, que se han superado para ofrecernos un congreso que ha de ser inolvidable, por las gratas horas y positivos resultados que nos augura.

## 18ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN MADRIDO

[illegible]

| | | |
|---|---|---|
| MARDE | 23 | Akceptado - Koncert (Centro Asturiano, str. Arenal, 9). |
| MERKREDE | 24 | Turisma Ekspozicio — Solena Malfermo (Sindikata Domo). Ekzamenoj — Prelego de Prof. D. Dalmau. |
| ĴAŬDE | 25 | Sankta Meso — Akcepto en la Urbodomo — Vizito — Prelego de nederlanda samideano S-ro Mabesoone. Literatura Vespero (Instituto «La Cierva» kaj «Torres Quevedo» de «Consejo Superior de Investigaciones Científicas»). |
| VENDREDE | 26 | Laborkunsido - Fakkunsidoj - Prelego de D-ro Solá (Sindikata Domo) |
| SABATE — | 27 | Tuttaga Ekskurso al «Escorial». |
| DIMANĈE | 28 | Fotografado — Vizito al Prado-Muzeo kaj Universitata Urbo. Fermo ĉe Filozofia Fakultato — Oficiala Bankedo (Sindikata Parko) |

## ESPERANTO, VIVANTA LINGVO

Esperanto estas lingvo, kiu vivas, ĉar ĝi konsistas el vivantaj elementoj de la naciaj lingvoj plej kulturaj: sed, dum en la naciaj lingvoj svarmas neregulaĵoj kaj esceptoj, en nia Esperanto ĉio estas ordo kaj metodo. Rigardante ĝian harmonion, ni vidas aranĝitan hejmon. Pli kaj pli, mi pensas, ke estas ni, kiuj devas zorgi la aferon popularigi Esperanton, eĉ per komercaj markoj kun trafaj esperantaj nomoj.

Nur tiel ĝi fariĝos popola lingvo.

Ni povas ĝin konsideri eĉ supera al la naciaj lingvoj, ĉar ĝi posedas iliajn bonajn kvalitojn sen iliaj multenombraj difektoj. Ĝi vivas sian vivon, laŭ reguloj tute difinitaj, kaj evoluas konservante la netuŝeblecon de sia fundamento. Evoluante, ĝi estas ĉiam simpla, facila, riĉa kaj muldebla.

Ĝia gramatiko estas la skeleto de ĉiuj gramatikoj, sintezo de la baza gramatiko de ĉiuj lingvoj, same ĉu ili estas plej kulturaj aŭ tute rudimentaj.

En iu ajn gramatiko, la subjekto estas ĉiam subjekto, kiu praktikas la agon aŭ suferas la staton, kaj la verbo ĉiam estas vorto, kiu enhavas movan sencon aŭ indikas la staton. Esperanto ĉiam respektas siajn fundamentajn principojn kaj atenteme konsideras la ostaron, kiu firmigas, sen konfuzoj, ĉiujn neologismojn per kiuj la progreso devas ĝin kovri.

Respondante al tiaj vivantaj kvalitoj, Esperanto havas jam ja tre vivantan popolon, kiu ĝin nutras kaj vivigas, tiel kiel okazas kun la naciaj lingvoj; sed dum ĉiu nacia lingvo tute ne povos iĝi internacia, ĝi —nia kara Esperanto— pove kaj certe pli baldaŭ ol ni pensas, dorlote kaj ameme, frateme kaj homame, ĉirkaŭpremos internacie la tutan mondon.

**SALDANHA CARREIRA** - Lisboa

## LA KOVERTOJ

**Ekzerco-Rakonto pri la Simplaj Vortoj**

Iam mi ricevis du kovertojn; ial, sed mi ne scias kial. Ankaŭ mi ne rememoras, kiam aŭ kiel.

Tial —de tiam— ĉiam mi penadis elserĉi, kiu estis la sendinto; kaj kion li celis. Ĉiel, mi opinias, ke neniam mi sukcesos.

—Kie serĉi detalojn? —ofte mi demandis al konatuloj; sed neniu sciis ion pri la afero.

—Kies estas la kovertoj? —mi demandis al diversaj personoj.

—Ies —ili respondis.

Pro miaj demandoj, ĉiutage venis ĉe mi personoj. Kelkaj diris al mi:

—Mi opinias, ke la kovertoj estas ties.

Sed aliaj diris al mi:

—Oni supozas, ke ili estas nenies.

Kia necerteco! Iam, kiam mi sidis antaŭ mia tablo —sur tiu, kie staras unu granda botelo kun iom da vino—, venis iu, kiu informis al mi jenon:

—Ĉie oni parolas pri la kovertoj. Tial, ankaŭ ie kaj tie, mi ne klarigas kie —ĉiu homo surportas en la ĉapelo unu koverton. Ili demandas sin reciproke:

—Kial vi surportas tiun koverton?

—Nenial —oni respondas.

Neniam mi vidis ion similan. Ili klarigis, ke tiu, kaj la alia kaj ĉiuj agas tiel; ĉar, ili devas agi same. Do, tial, ke ili devas iel kunporti la kovertojn, nenia pli bona maniero estas ol tiu porti ilin sur la ĉapelo. Nenie, krom tie, oni vidas tion. Iu diris, ke la ideo estis ĉies.

Kiam la vizitinto foriris... ho!, kiom da vino restis en la botelo? Neniom! Sed, vere, tiom ni trinkis? Jes; ni trinkis ĉiom; sed... restis io: la glaso kaj la botelo.

**M. DAUBAGNA** - Vitoria

## INTERLINGVA PARALELO

| ORIGINALO | TRADUKO |
| --- | --- |
| **Hay que decir, sin embargo, que el mundo marcha gracias a los idealistas, y que sus esperanzas se cumplen siempre, aunque muchísimos años después, cuando otras esperanzas nuevas vienen a superar las ya cumplidas. Los socarrones malintencionados, son parásitos que viven alrededor de las esperanzas cumplidas, sin haber ayudado a que triunfen.** | Oni devas diri tamen, ke la mondo marŝas dank' al la idealistoj, kaj ke iliaj esperoj nepre efektiviĝas, eĉ post multege da jaroj, kiam aliaj novaj esperoj venas por superi tiujn jam efektiviĝintajn. La filistroj, malbonintencaj, estas parazitoj, kiuj vivas ĉirkaŭ la efektivigitaj esperoj, ne doninte helpon por ilia triumfo. |
| De una crónica del periodista D. Vicente Ventura. | El kroniko de la ĵurnalisto S-ro Vincento Ventura. |

# KANARIOJ, VOJKRUCIĜO DE KONTINENTOJ

**Fondiĝo de ESTO. — Adiaŭo al D-ro Vivas. — Memorindaj gastoj**

La monato aprilo 1957 estis vere eventoriĉa por la esperantistoj de Kanarioj, kaj tre speciale por tiuj de Tenerife. Meze de februaro 1957, en la nova ejo de la Universitato de La Laguna, sub la prezido de la dekano D-ro Serra Ráfols, okazis la fondkunveno de la Esperanto-Societo de Tenerife, mallongige ESTO, kies statuton oni poste sendis al la koncerna ministrejo por aprobo. La 28an de aprilo, ĉe bela loko en la kampara ĉirkaŭaĵo de La Laguna, kunsidis unuafoje la konstituanta ESTO, pro tio, ke ankoraŭ ne alvenis la oficiala aprobo de la statuto. La kunveno havis kiel ĉefan celon omaĝi la eminentan membron D-ron José Roberto Vivas, konsulo de Venezuelo en Santa Cruz de Tenerife, granda pledanto por nia afero kaj malavara mecenato de nia Movado. La tenerifa esperantistaro omaĝis D-ron Vivas, pro tio, ke lia registaro promociis lin al la ĝenerala konsulejo de Venezuelo en Napoli (Italujo) kaj, sekve, li devis forlasi la insulon Tenerife, jam komence de majo, por okupi la novan postenon.

Komplemento de la kunveno estis adiaŭa regalo al D-ro Vivas, kies aranĝon bele prizorgis samideanoj Nicolás Pérez kaj José Palmero. Ĉirkaŭ plenaj tabloj ariĝis 42 gesamideanoj, en plej frata kaj simpatia humoro. Ĉe la deserto, unue S-anino Julita Rodríguez, poste S-anoj Ramón Rodríguez, Francisco Rodríguez kaj Pedro Reyes, ĉiuj en Esperanto, kaj fine S-anoj Angel Pombrol, hispane, kaj Juan Régulo, hispane kaj esperante, kiel reprezentantoj de ĉiuj insulaj esperantistoj gratulis, dankis kaj adiaŭis D-ron Vivas. La kunveno, unuanime kaj kun granda aplaŭda aklamo, elektis D-ron Vivas unua Prezidanto de ESTO, tiel montrante, ke por esperantistoj ekzistas nenia nacia, lingva aŭ alia diferenco. D-ro Vivas, tre videble emociita, dankis la omaĝon kaj akceptis la postenon. Kelkajn tagojn poste, per intervjuo, kiun al li faris insula jurnalo, li emfazis, ke la plej bela akiro de lia 8-jara restado en Tenerife estis lia esperantistiĝo.

Sed, ne nur pro tiu grava okazo la monato aprilo restis memorinda por la esperantistoj de Tenerife. Dum tri semajnoj gastis en la insulo lerta esperantisto el Essen (Germanujo), kiun ESTO invitis paroli publike al la gesamideanoj; li tion faris dufoje, la lastan en la festsalono de la Ŝtata Liceo de La Laguna. Samtempe, sed nur dum unu semajno, gastis ĉe ni flue parolanta samideano el Cairo (Egiptujo), kiu ankaŭ faris paroladon al la membroj de ESTO. Fine, turk(azi)a samideano vigle partoprenis la esperantistajn kunvenojn de Sta. Cruz kaj La Laguna.

Resume do, dum aprilo aktivis, en la esperantista vivo de Tenerife, krom la landidoj kaj la jam de jaroj ĉe ni loĝantaj fremdaj gesamideanoj, unu amerikano, unu eŭropano, unu afrikano kaj unu aziano, tiel donante vere vivan ekzemplon de homara solidaro, je la servo de bela idealo, kun paca kaj kultura enhavo. La aprilaj eventoj inter la esperantistoj de Tenerife eminente ilustris la pravon, forton kaj efikon de la interna ideo de Esperanto. Tiuj eventoj ja okazis ĉe unu el la mondaj vojkruciĝoj, sur insulo pontanta inter kontinentoj, renkontiĝejo de ĉiuj homoj. La celon de Esperanto ni plenumas!

J. R. P.

**SABADELL.** La 1-an de Majo okazis la arangita «Barcelona-provinca Renkonto de Esperantistoj» en pitoreska loko apud la Sanktejo de «La Verge de la Salut». Ĉeestis ĉirkaŭ 200 goesperantistoj el Barcelono, Tarrasa, Manresa, Moyá, Santa Coloma de Gramanet kaj Sabadell. Oni intencas, por la venonta jaro, perfektigi tiun saman aranĝon, kiu okazos kredeble en la bela medio de la historia urbo Manresa.

**BARCELONO.** En la Lernejo «Diagonal de San José de Calasanz» oni malfermis kurson de Esperanto, sub la kompetenta gvido de la Direktoro, S-ro Jozefo Rofes, entuziasta samideano, kiu konstante klopodas por efektivigi tre utilajn ideojn, kun la celo enkonduki nian lingvon en oportunajn kadrojn de la publika instruado.

**AKTIVECO ESTAS SIGNO DE VIVO KAJ GARANTIO POR LA VENKO DE ESPERANTO**

SCIENCAJ KURIOZAĴOJ

# VESPERTOJ KAJ RABIO

Oni scias, ke ĉi tiuj mambestetoj multe utilas por la agrokulturo, ĉar ili detruas kaj manĝas insektojn, kiuj atakas kaj difektas fruktojn kaj vegetaĵojn. Tamen, de antaŭ nelonge, la sciencistoj atentigas la publikon pri ege danĝeraj efikoj de la mordo de tiaj, ŝajne, ne danĝeraj flugbestetoj. Jen la kialo:

En Usono, ne malpli ol 50 vespertoj insektivoraj (insektomanĝaj), kaptitaj en diversaj regionoj de la lando, kunportis rabiajn virusojn; kaj, kredeble, la mordo de tiaj mambestoj okazigis du kazojn de rabio ĉe la homoj. Tiaj kazoj, ne oftaj en Usono, okazas multfoje en pluraj sudamerikaj landoj, kie vespertoj nomataj vampiroj estas aktivaj virusportantoj. Ankaŭ sovaĝaj bestoj, ekzemple: lupoj, vulpoj, ŝakaloj, kojotoj, mefitoj kaj aliaj estas kvazaŭ ujoj, en kiuj loĝas rabiaj virusoj. Ĵusaj raportoj el Jugoslavio vokas la atenton de M. S. O. (Monda Sanitara Organizo) pri ekzisto en tiu kaj en pluraj eŭropaj landoj de vespertoj, eble de la specio barbostelo (vampirosimilaj), kiuj, ŝajne, transdonas la rabion al la homoj kaj aliaj bestoj.

Kompreneble, la ĉeestado de tiaj bestetoj vekas zorgojn kaj maltrankvilon al la sanitaraj aŭtoritatoj. La M. S. O., laŭ peto de la jugoslava registaro, komisiis spertulon de la Pasteur-Instituto ĉe Novisad, apud Beograd, por esplori kaj pristudi la aferon, kiu, logike, interesas multajn landojn. Espereble, la citita instituto studos kaj laboros por sukcese difini la rolon de la vespertoj en la transdono de tiel danĝera malsano.

Komitato de spertuloj pri rabio, de la internacia organizo M. S. O. konstatinte la gravecon de tiuj kaŝaj virusoj, pristudos kaj trovos la plej efikajn rimedojn por detrui tiujn bakteriojn, evitante tiel plian danĝeron por la homaro.

D-ro E. TUDELA

# LA ANGLAJ TRADUKINTOJ DE «DON-KIĤOTO»

J. M. Cohen, kiu en 1947 per sia traduko de Don K. (1) penis «unuigi fidelecon al la teksto de Cervantes, kun verkesprimado laŭ la nuntempa angla lingvo», skribis antaŭparole, ke la traduko de Shelton estas la plej bona kaj lingve-viveca, ĉar ĝi estas preskaŭ samperioda kun la originalo, sekve, la plej spirite proksima al la Cerventesa verko. Ĝi havas difektojn, tamen, simile al alia tiufaka verkado 17-jarcenta en tio, ke mankas al ĝi familiareco kun la idiotismoj. Multaj el la plej pikantaj plumtuŝoj de Shelton nur malmulte similas la frazojn de Cervantes, al kiuj ili rilatas. Cohen krome asertas, ke la 18-jarcentaj tradukoj estas ĉiuj legindaj, sed neniu el ili estas signifgrade pli fidela al la hispana teksto ol tiu de Shelton; cetere, ĉiuj iliaj tradukintoj emis ellasi partojn, kiujn ili ne komprenis. La tradukoj de la 19-jarcento gajnis pli da teksta fidelo, sed perdis je bona stilo, kompare kun la antaŭaj tradukoj.

Vincent Starrett en «Books Alive» (1940) skribis: «Anglujo kiel unua rekonis la grandecon de Don K. La unua traduko, de Thomas Shelton, 1612, estis angla; kaj la unua komentario en kiu ajn lingvo estis tiu de Pastro John Boyle, 1791. Post Shelton venis John Phillips, nevo de Milton; en 1687. Li donis tiel nomitan tradukon, kiu elstaris pro sia kruda maldeco, eĉ en tiu tempo de maldelikata literatura esprimado. Ankoraŭ poste venis Motteaux, franca rifuĝinto, kies rimarkinda posedo de la angla lingvo forte mirigis la poeton Dryden. Tiu eldono, 1712, iom tro deviis de la originalo, tamen ĝi estis vere tre populara, kaj eĉ nun ofte represiĝas. Supozinde la plej populara el ĉiuj anglaj tradukoj estas tiu de Jervas (aŭ Jarvis sur la plimulto de la titolpaĝoj), 1742, kaj ankoraŭ legata inter ni angloj. Ĝi tamen estas nur malforta tradukaĵo; kaj tiu de Smollett, 1755, estas ne pli impresa ol ĝi. Smollett vaste kopiis la tekston de Jervas, aldonante materialon, kiu neniel plibonigis la verkon de Cervantes.

En 1769. George Kelly transmetis kelkajn vortojn de la traduko de Motteaux kaj pretende eldonis ĝin kiel sian propran. La merito de la traduko de Mary Smirke 1818. estus pli granda, se ŝia scio de la hispana lingvo estus pli profunda. Lastatempe venis kelkaj kleraj tradukoj; tiuj

(1) Penguin Library — London (Anglujo).

de Watts kaj Ormby estas elstaraj. Tamen iom dogmeme mi diras, ke tiu de Shelton ankoraŭ restas kiel la plej bona el ĉiuj. Ĝi estas fidela, kaj redonas la hispanan de Cervantes en la anglan de lia periodo».

Jen fino de la komentoj de V. Starrett.

Fraser Tytler, en sia «Principoj de la Tradukarto» (1791), detale komparas la tradukojn de Smollett kaj Motteaux; li konkludas juĝe, ke tiu de Motteaux estas «certe la plej bona el ĉiuj tradukoj de Don K. ĝis nun faritaj». Li pluasertas, ke «se la traduko estus korektita je siaj troliberaj ellasoj kaj aldonoj, ni ne dezirus tradukon pli superan ol ĝi».

Tytler asertas, ke Smollett tradukis sub troa temp-urĝo, kaj ke, anstataŭ fidi al siaj propraj grandaj fortoj kaj doni al la tasko sufiĉe da tempo, Smollett riĉe rabepruntis sencojn el la traduko de Jervas. Verdire kaj fakte, la traduko de Smollett estas nur simpla revizio kaj plibonigo de tiu de Jervas, kiu eĉ akuzis al Motteaux, ke li «tute tradukis el la franca teksto« (supozinde, la traduko fare de Le Sage). Zorge esplorinte la tradukojn de Le Sage kaj Motteaux, Tytler trovis «malsamecon tiel absolutan kaj ĉiupaĝan», ke ne estas «eĉ la plej malgranda suspektindo, ke Motteaux iam ajn vidis la tradukon de Le Sage». Tytler donis kelkajn komparajn paragrafojn por subteni sian diron.

Motteaux, malgraŭ sia emo aldoni kaj forpreni de la originalo, tamen estis inspire lerta en tio: adopti konformajn idiotismojn, kaj, ĉar ekzistas nur tre malmulto da kampo en tiu elekteblo, li ĝenerale akaparis la ĝustajn frazojn, antaŭ ol ektaskis Smollet. Ĉi tiu, sekvante la principon de Jervas, rigore rifuzis al si uzi frazojn jam uzitajn de Motteaux; rezulte de tio, li havis disponeblaj nur frazojn, plejparte ne tiel bonajn. Tiele tradukante, Smollett certe konsciis fabriki tie-tie liniojn kontraŭ sia bona juĝtakso, kaj devis dolore repuŝi sugestojn de sia literatura bona gusto; li tial devis fari malpli bonan tradukon ol Motteaux, laŭ la opinio de Tytler.

Por hispanaj kleruloj, sciantaj la anglan lingvon, mi varme indikas, ke en la verko de Tytler «Everyman Edition» J. M. Dent & C.°, London, troviĝas komparaj tradukoj de «Canción de Cardenio», «Canción de Grisóstomo» kaj aliaj.

**F. R. BANHAM**, Melbourne.

## ESPERANTO KIEL FAKTORO

Iam la kontempluloj estis facile konvinkeblaj —vorto estis fajro, entuziasmigilo vekanta el la letargio—. Tiu tempo forpasis jam de longe... krom kelkaj ege laŭdindaj esceptoj. Nun la homoj sin lasas konvinki nur per faktoj; nigro sur blanko, tial ni devas montri ilin krude: jen, prenu ĝin, ĝi estas palpebla, ĝi ne estas idealo. Esperanto estas ilo, kiu helpas al vi klare kaj rekte en ĉiuj rilatoj. Se vi scias la francan lingvon kaj venas al Francio, vi komprenos pli malpli la lingvon kaj oni vin —kun la helpo de Dio!— ankaŭ komprenos, sed vi restos fremda inter la fremduloj. Esperanto, tamen, estas alia afero. La esperantistoj de ĉiuj landoj egalas en sama samideaneco, helpemo, solidareco, gastamo kaj pretemo asisti vin, ĉar la reciproka helpo devigas vin ankaŭ helpi al viaj samideanoj. Ili bezonas vin kaj vi ilin. Dum la vojaĝoj, de lando al lando, tiu lingvo de la koro forviŝas la fremdecon; kaj vi vin sentas hejme, ĉie ajn kaj ĉe ĉiu ajn. Banditoj kaj aliaj fiuloj neniam interesiĝas pri la esperanta lingvo. Restas do nur la ronda tablo aŭ, pli ĝuste, la VIRTA CIRKLO de la bonaj homoj, kie vi havas konfidon al la samideanoj kaj la samideanoj ankaŭ al vi!

**Y. HOCHHAUSER - ARMONY-Haifa** (Israelo)

### ESPERANTO EN LA BUDHANA MONDO

Post la decido utiligi Esperanton por la disvastigo de budhismo, kreskas la interesiĝo por la Internacia Lingvo en la budhana mondo. La plej alta aŭtoritato de la religio, la Dalai Lamao, okaze de sia vizito al temploj en Bombay, transprenis la patronecon de la Budhana Ligo Esperantista, kies prezidanto estas la pastro Bhikkhu Anurudda.

# «EL ESCORIAL» KONGRESA EKSKURSEJO



Kiel memorigan monumenton por tre sukcesa batalo apud la franca urbo Saint Quentin (Sankta Kvinteno) okazinta la 10an de Aŭgusto 1557. Filipo, la IIa, tiama hispana reĝo, starigis majestan konstruaĵon kun la intenco, ke ĝi estus samtempe: monaĥejo, kortegejo, muzeo, studejo kaj maŭzoleo. Li nomis ĝin «Monasterio de San Lorenzo de la Victoria» (Monaĥejo de Sankta Laŭrenco de la Venko) honore al fama aragona martiro tiel nomata, kies datrevenan feston oni celebras en la dato mem, kiam okazis la batalo. Ankaŭ, honore kaj memore al tiu martiro, kiu mortis brulturmentita sur fera krado, la tuta konstruaĵo (206 x 161 metrojn vasta) ricevis formon iel similan al giganta rostilo. Ĉar la loko, tiucele elektita, estis rubejo de malaperinta forĝejo, la monumento prenis simplan nomon: «El Escorial», t. e. La Skoriejo, kio, por la grandiozeco de la verko, estas vere ironia bapto.

Por efektivigi la reĝan ideon, estis elektitaj plej lertaj kaj kapablaj arkitektoj. Johano de Toledo iniciatis la entreprenon sed ne sukcesis finkonstrui ĝin. Johano Castello daŭrigis la laborojn ĝis sia morto. Post tio, alia tria artisto, Johano de Herrera, sukcesis meti finon al la impona monumento. Estis li, kiu precipe verŝis sian personan stilon sur la tuton de la belega ŝtona juvelo. La konstruaĵo plene respegulas, per siaj severaj linioj, en adekvata ĉirkaŭanta pejzaĝo, la psikologiajn kaj moralajn trajtojn de sia kreinto; ĉar, laŭ propra deklaro, la rigora monarko deziris fari «palacon por Dio, kabanon por la reĝo». Tiel, konstruiiginte grandiozajn navojn —kopio de la Baziliko de Sankta Petro, en la Vatikano— la reĝo rezervis por si treege modestajn ĉambrojn, kvazaŭ monaĥajn ĉelojn. Tamen, la reĝa dormejo estis aranĝita laŭ maniero, ke kiam Filipo, la IIa, malsaniĝis kaj devis daŭre kuŝi, li povis de sur la lito ĉeesti la religiajn ceremoniojn, kiuj ofte okazis, laŭ deziro de la reĝo kaj laŭ plej adekvata liturgio, en la ĉefaltaro de la interna preĝejo.

La konstrulaboroj daŭris dudek-unu jarojn (1563-84) kaj kaŭzis, kompreneble, gravegajn elspezojn. Onidire, Filipo montris la konstruatan monaĥejon kaj ties planojn al tiama rivala franca reĝo, kiu rikane rimarkis: «Nu, mi timas, ke mankos oro kaj troabundos brikoj!» Kiam la monumento estis jam konstruita, venis por rea vizito la skeptika reĝo, kiu, ekvidinte flavspegulan punkton ĉe kornico, scivole demandis, kio tiel brilas. La respondo estis jena: «Ho ve, mankis brikoj kaj superabundis oro!» Tiu masiva ora briko estis poste anstataŭata per alia nur supraĵe orumita kaj, fine, forŝtelita. (Ĉi tion mi aŭdis rakonti de monaĥo-ĉicerono. El Escorial ne nur estas mirinda verko, laŭ arkitektura vidpunkto (ĝi eĉ estis nomata «la oka mirindaĵo de la moderna mondo») sed, krom tio, ĝi enhavas tiom da ĉiaspecaj artaĵoj kaj valoregaĵoj, ke vere ĝi estas, kiel jam dirite, riĉa muzeo per siaj pentraĵoj, skulptaĵoj, tapiŝoj, antikvaj mebloj, juveloj, miniaturoj, diversegaj oraĵoj k. t. p. Ne nur Filipo, la IIa, sed ĉiuj ceteraj hispanaj reĝoj konstante riĉigadis ĝin.

Neeble estas nun priskribi detale la tutan imponan konstruaĵon; sed estas speciale menciindaj: la ***Korto de la Reĝoj*** (Patio de los Reyes), kiun oni atingas tra la ĉefenirejo; la ***Preĝejo,*** kies ĉefa fasado kaj enirejo konsistigas, kun siaj ĝemelaj turoj, muron por la citita korto. Interne de tiu preĝejo elstaras la ĉefkapelo kun tabulo, ĉe la altaro, de Herrera kaj Jakobo Trezzo, plus statuoj de Leoni kaj toloj de Tibaldi, Zuccaro, Sánchez Coello k. a., pluraj freskoj kaj krucifikso de Benvenuto Cellini, la ***Ĥorejo,*** la ***Korto de la Evangeliistoj*** (Patio de los Evangelistas), la ***Maŭzoleo de la Gereĝoj*** k. t. p. La strikta ***Monaĥejo,*** t. e. la efektiva loĝejo de la monaĥoj, estas okupata nuntempe de aŭgustenanoj. En la ***Sakristio***

troviĝas valora kolekto da pentraĵoj de Velázquez, Van der Weyden, El Bosco, El Greco, Tintoretto, Tiziano, Veronés, Ribera, Alonso Cano k. a. La *Biblioteko* enhavas hodiaŭ ĉirkaŭ 40.000 antikvajn volumojn, plejmultaj el ili ege maloftaj verkoj, kiel: mezepokaj kodoj, manuskriptoj grekaj, latinaj, hebreaj kaj arabaj. La luksa *Reĝa Palaco* kontrastas kun la modestaj ĉambroj de Filipo, la II[a], pro abundeco de tapiŝoj, sur kiuj reproduktiĝis verkoj de Goya, Mengs kaj Bayeu, kaj diversepokaj mebloj, lustroj, horloĝoj k. t. p. Ankaŭ estas vizitinda la *Dometo de l' Princo* (Casita del Príncipe) meze de apudaj ĝardenoj.

Mi konsilas al la vizitontaj gesamideanoj rigardi la monumenton de sur altaĵo, de kie ĝia ŝajna pezanteco iĝas komprenebla kaj logika klareco. Oni devas ankaŭ ekrigardi la *Ĝardenon de la Monaĥoj* (Jardín de los Monjes) kaj promeni, laŭlonge de solecaj vojoj, ĝis la tiel nomata *Seĝo de Filipo, la II*[a] (Silla de Felipe II) roko de kie la reĝo vidadis, iom post iom, leviĝi la majesta arkitekturaĵo, kiel silueto de lia amata revo.

El Escorial, cetere, kiel someruma restadejo, kuŝas 923 metrojn super la marnivelo, je 49 ŝoseaj kilometroj nordokcidente de Madrido kaj je 51, laŭ fervoja distanco; ambaŭ komunikiloj estas unuagradaj. La fakto ke Filipo, la II[a], bezonis nekompreneble multajn tagojn —sendube pro sia podagro— por esti translokigata de Madrido ĝis la fama monaĥejo, ne devas fortimigi la kongresanojn, kiuj tute komforte «atingos la celon en gloro», nur post malpli ol unuhora veturo.

FLORENCIO ENFEDAQUE

## EL ESPERANTO EN LA PRENSA ESPAÑOLA

**En su número 904, correspondiente al día 30 del pasado mes de Abril, el popular rotativo gráfico semanal DIGAME publicó en primera página un artículo, ilustrado con varias fotografías, bajo las siguientes titulares: «Un Esperantista español en viaje por Holanda». «Una jira literaria hispánica por la inmensa alfombra multicolor del bello tríptico holandés». Se trata de un magnífico reportaje del notable periodista zaragozano D. Fernando Luna, el cual describe las impresiones personales de nuestro redactor Luis Hernández, con motivo de la visita efectuada a los Países Bajos, el verano pasado, hablando sobre temas costumbristas y literarios españoles, ante los auditorios esperantistas de aquellas tierras, y que ahora ha merecido los honores de esta difusión entre el gran público.**

**También el número 9, Mayo-Junio 1957, de PAX CHRISTI, Boletín del Movimiento Católico por la Paz (Apartado 66 - San Sebastián), publica una extensa información esperantista, distribuída de manera muy oportuna en varios artículos, uno de ellos «El Día del Juicio», traducido directamente de la revista esperantista «La Ponteto». Además, en la sección de Libros y Publicaciones se hace una reseña muy laudatoria del vocabulario Español-Esperanto, del Dr. Tudela, junto a la de varias obras esperantistas específicamente afines a los elevados ideales de Pax Christi, en cuya sección española ocupa el Secretariado de Esperanto el que lo es también de nuestra Federación, D. José Guzmán Guzmán, siempre tan buen amigo como fervoroso y entusiasta samideano.**

**Tanto el simpático DIGAME, que ya en diversas ocasiones puso a nuestro favor la popularidad de sus páginas, como el ponderado PAX CHRISTI merecen no sólo la obligada cortesía de este saludo, impreso en nuestro modesto Boletín, sino el agradecimiento sincero y la estimación profunda de todos los esperantistas españoles, que saben apreciar en lo que vale tan gentil colaboración.**

## 18[a] HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN MADRIDO - 23-28 JULIO 1957

**Oficialaj adresoj: Costa Rica, 20 - bajo A aŭ Apartado 19.029 - MADRID**

La dato de nia nacia kunveno rapide alproksimiĝas. 250 aliĝintoj, inter ili pli ol dek eksterlandanoj, permesas esperi, ke la efektiva nombro superos tiun de tricent kongresanoj. Tamen, oni ne forgesu, ke la kongreso okazos en Madrido; tial, estas morala devo de ĉiu hispana esperantisto fari sian eblon por efektiva partopreno. La bonaj rezultatoj, kiujn ni povos atingi por nia posta agado, pravigas ĉiujn oferojn. La resumita programo, presita sur la fronta paĝo, anticipas agrablan kaj utilan distribuon de la tempo, en ĉiuj aranĝoj. Lia Moŝto, la Rektoro de la Centra Universitato, montriĝis vere favora al nia Kongreso. Oni atendas subvencion de la Provinca Deputitaro kaj de la Urbestraro, krom urboplanojn kaj gvidlibrojn. Estas jus pretaj la afiŝoj, pligrandigita reprodukto de la belega naŭkolora poŝtkarto. Nunjare estas du formatoj, la kutima: 34 x 49 cm. kaj alia pli reduktita: 22 x 30 cm. tre oportuna por ĝenerala uzo. La prezo, por ĉiu el ili, kaj oni pagos *preskaŭ nur la paperon*, estas --nekredeble!-- UNU peseto. Ĉu vere estos iu hispana esperantisto, kiu ne akiros ambaŭ ekzemplerojn? Jen okazo por inda reklamado. Monon oni sendu nur per ĝiro aŭ poŝtmandato al «Congreso Nacional de Esperanto»:

**General Mola, 277 - Banco de Aragón - MADRID**

# KROMNOMOJ POR LA NUMEROJ

Tiaj kromnomoj, por ĉiu el la cent unuaj numeroj, pli malpli ĝustasence, sed ĉiam sprite kaj bonhumore aplikataj, estis tre popularaj en la Valencia regiono, komence de la nuna jarcento, por iel —laŭ ilia formo— bildigi plastike la numerojn, kiuj multe intervenis tiam en hejmaj ludoj kaj loterioj. Nuntempe, en pli reduktita rolo, oni okaze ankoraŭ mencias tiujn ŝercajn nomojn, por distingi la finaĵojn en la mil numeroj de la ĉiutaga loterio de la Blindula Organizo.

Estus interese scii, ĉu en aliaj regionoj, landaj aŭ eksterlandaj, ankaŭ ekzistas aŭ ekzistis sama kutimo kaj eĉ simileco en la alnomado. Jen do, tradukitaj el la Valencia lingvo, la kromnomoj por la cent unuaj numeroj en la Valencia regiono:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 | La Amindumanto | 35 | La Infero | 69 | Supre-Malsupre |
| 2 | La Suno | 36 | La Salono | 70 | La Abrikoto |
| 3 | La Infano | 37 | Ponardo kaj Glavo | 71 | La Instruisto |
| 4 | La Lito | 38 | La Hundo | 72 | La Figo |
| 5 | La Dorno | 39 | La Taŭro | 73 | La Kuniklo |
| 6 | La Koro | 40 | La Sonorilo | 74 | La Ŝtuparo |
| 7 | La Luno | 41 | La Negro | 75 | La Kato |
| 8 | La Damo | 42 | La Stelo | 76 | La Akvo |
| 9 | La Harpo | 43 | La Krono | 77 | La Flagoj |
| 10 | La Rozo | 44 | La Klariono | 78 | La Grilo |
| 11 | La Dianto | 45 | La Tamburo | 79 | La Porko |
| 12 | La Monsako | 46 | La Ĉapelo | 80 | La Lavistino |
| 13 | Malpura Vizaĝo | 47 | La Mondo | 81 | La Geedzoj |
| 14 | La Ĉerizo | 48 | La Negrino | 82 | La Noktovazo |
| 15 | La Bela Knabino | 49 | La Pruno | 83 | Damo kaj Paĝio |
| 16 | La Gitaro | 50 | La Kartoĉo | 84 | La Geedziĝo |
| 17 | La Velŝipo | 51 | La Kaprino | 85 | La Palmo |
| 18 | La Bukedo | 52 | La Tomato | 86 | La Meringelo |
| 19 | Sankta Jozefo | 53 | La Pimento | 87 | La Fiŝo |
| 20 | Hispanio | 64 | La Ĥolero | 88 | La Mamoj |
| 21 | Francio | 55 | La Kamparanoj | 89 | La Ŝerco |
| 22 | La Anasoj | 56 | La Noktuo | 90 | La Avo |
| 23 | La Melono | 57 | La Karoto | 91 | La Ebriulo |
| 24 | La Galero | 58 | La Citrono | 92 | La Kolombo |
| 25 | La Kanono | 59 | La Kanario | 93 | La Revolucio |
| 26 | La Koko | 60 | La Maljunulino | 94 | La Rato |
| 27 | La Paperbirdeto | 61 | La Pipo | 95 | La Meleagro |
| 28 | Alicante *(urbo)* | 62 | La Pediko | 96 | La Parko |
| 29 | Aragono *(regiono)* | 63 | Rizo kun Cepo | 97 | La Kokino |
| 30 | La Leono | 64 | La Domo | 98 | La Ŝafo |
| 31 | La Ĉevalo | 65 | La Kverelo | 99 | La Agonio |
| 32 | La Bombo | 66 | La Monaĥinoj | 100 | La Morto |
| 33 | La Turoj | 67 | La Monaĥo | | |
| 34 | La Ansero | 68 | La Rozario | | |

Kompilis kaj komentis
**LUIS HERNANDEZ**

**PENSO.** Kiom bela estas la kamparo, kiam ĵus ekaperis la semita tritiko. Kiom bela, kiam floras pompe la migdalarboj kaj svenige odoras la rosmareno, la timiano kaj la jasmeno! Kiom bela la urbo, kiam solene procesias la estraranoj; aŭ rapide preterpasas tramoj, aŭtobusoj, taksioj kaj lastmodelaj aŭtomobiloj; aŭ hele brilas dumnokte la butikoj kaj ĝiaj allogaj montrofenestroj. Kiom bela la templo, kiam duonhele ĝi invitas min primediti, antaŭ la Santega Sakramento! Sed ĉio ĉi tio povas manki al mi. Nur tion mi ĉiam havos, ankoraŭ pli bela; se pace kaj ame... mi plenumas la Dian volon! **BŬMA** - Zaragozo

## LA VIRIN-GENIO

Ĉiam dum mi dormas, la virin-genioj alvenas en mian ĉambron, bruetante. Iliaj bruoj estas tre mallaŭtaj, kaj malrapide proksimiĝas, ĉirkaŭante mian korpon: ili estas kvazaŭ dancantaj nokt-gracioj...

El tiuj gracioj, la plej kuraĝa restas ĉe mi por min akompani. La aliaj diaĵoj foriras tra la ombro de la nokto, al aliaj loĝejoj, ĝis la aŭroro milde kisos iliajn vizaĝojn per arĝenta lumo: tia estas la vivo en la dolĉa mistero de l' sonĝoj...

Foje alvenis al mi feino, pri kio vi certe scias nenion: ŝi estas vi, ho virino! Vi estis preninta la formon de plej ĝentila kaj inteligenta virino, por altaj kaj noblaj aferoj. Mi vivis kun vi la gloron de la vero, kiun malkonas neprogresema virino.

Se la sonĝoj estas antaŭdiraĵoj, kiuj nin feliĉigas per la saĝeco kaj natura vero, ja mi estas jam via plej bona amiko. Estus tre bone, se vi eklaborus favore al la virtoj kiuj pliindigas la virinon. En tia afero, mi helpos vin plej kore.

**V. PEREZ TORRES**
Tenerife (Kanariaj Insuloj)

## LAÚDO AL LA OBSTINO

Se vi vin sentas puŝata efektivigi iun ajn entreprenon, neniam perdu la kuraĝon nek la fervoron antaŭ plej grandaj kaj ŝajne nesupereblaj obstakloj. La obstino estas virto kaj forto, kiu forigas ĉiujn malhelpaĵojn kaj sekure nin kondukos al la dezirata celo. **MARTHELOT.**

## LA AKVO

La akvo ne nur estas nemankipova elemento por ĉiuspeca vivanto: homoj, bestoj kaj plantoj, sed ankaŭ ilia ĉefa nutraĵo. En peco da viando, almenaŭ tri kvaronoj de ĝia konsisto estas akvo, kiel en piro, melono, pomo k. t. p. La ordinare uzata kokina ovo enhavas, kompreneble, multe da albuminaj kaj vitaminaj substancoj, sed plej granda parto de ĝia kompleta enhavo estas nur akvo...

---

Tekstoj presitaj sur papero kremkolora, aŭ pale blua, estas tre oportunaj kaj bonefikaj por la okuloj, kiuj tiel pli komforte povas labori dum la legado.

**Estas multe pli facile kapti murdiston ol eviti murdon**

AGATHA CHRISTIE

## SFINKSA ANGULETO

**NUMERA LUDO**

**Kiajn matematikajn kombinojn oni devas fari kun kvar 7 por ke la fina rezulto estu 56?**

Ĝusta solvo gajnos du poentojn ĝis 15. Julio.

---

**SOLVO PRI LA ENIGMO «LA PARENCOJ»**
EN LA PASINTA NUMERO

*Kvar personoj entute:*
*Frato kaj fratino, ĉiu el ili kun unu filo.*

---

**POPOLA METEOROLOGIO**

Observi la ĉielon estas tre facila kaj efika rimedo por antaŭscii la veteron:

*Ruĝa* ĉielo, dum la sunsubiro, bona vetero. Tamen, ankaŭ *ruĝa*, sed frue en la mateno, malbona vetero. Ankaŭ matene, sed *griza*, bona vetero. Malhele *blua*, vento. Hele kaj brile *blua*, tre bona vetero. Brile *flava*, ĉe la sunsubiro, vento. Pale *flava*, pluvo. Nigre *griza*, tempesto.

## BONA HUMORO, BONA FARTO!

En pluva tago, distriĝema profesoro venis en la hejmon tute malseka.

—Kio okazis al la pluvombrelo?— demandis lia edzino.

—Ho, ĝi perdiĝis, sed mi rimarkis pri tio nur en la momento ĝin fermi, por eniri tra la pordo...

—

Knabeto perdita, meze de strato, demandas al preterpaŝanto:

—Ĉu okaze vi vidis sinjorinon sen iu infano, kiu estas tute simila al mi?

—

—Bedaŭrinde, mi ne povas gustumi ĉi tiun supon!

—Tamen, ĝi estas tre bongusta.

—Jes, sed oni ne portis al mi kuleron...

—

—Ĉu vere vi volas kredigi al mi, ke via patro ankoraŭ nun iras ĉiutage en lernejon?

—Jes, kompreneble, li estas instruisto!

**La estanteco konsistas el pensoj pri la estonteco!**

GIOVANNI PAPINI

NOVAJ LIBROJ SUB LA EFIKO DE Kritiko

**DICIONARIO ESPERANTO - PORTUGUÊS** de Ismael Gomes Braga. Eldono de Federação E. Brasileira. — 5.000 ekzempleroj. 159 paĝoj. 12 x 16 cm. Prezo ne indikita.

Oni povas aserti, ke la ĵus aperinta vortaro estas la plej kompleta, la plej konsilinda, la plej laŭcela kompilo de esperantaj-portugalaj vortoj ĝis nun publikita. Samformata, sed malpli dika ol la tre bona vortaro de Joels, antaŭ longe tute elĉerpita, la nova verko prezentas tiun avantaĝon super la citita, ke ĝi enhavas aregon da neologismoj. La ĵusa eldono kontentigas postulon, satigas bezonon, kiu forte sentiĝis. Ĉe tiu vortaro, kun bel-aspekta kovrilo kaj konvena por la poŝo, nur oni bedaŭras la tro modestan prezenton kaj la malbonan paperon.

Ekde nun, ne sole la lernantoj, sed precipe la studemuloj, la vortaramantoj povas enmanigi al si tre fidindan, tre kompetentan gvidilon. Mi sincere gratulas ĝian aŭtoron. Oni admiras la eksterordinarajn kvalitojn de Ismael Braga, brazila pioniro, kies ĉiama aktiveco kaj mirinda vivfreŝeco ŝajnas neelĉerpeblaj. Per ĉi tiu verko, ĝia kompilinto, multfaka erudito, firmigis siajn vortaristajn kapablojn kaj forgesigis la gravajn mankojn de sia urĝe preparita Portug-Esper. Vortaro, kies duan eldonon oni atendas, ĝuste kompletigita kaj reviziita. En la PLANO de la recenzita verko oni legas, ke ĝi ampleksas la tutan aktualan vortaron de Esperanto, inkluzive neologismojn. Plej precize oni devis certigi, ke ĝi registras preskaŭ la tuton. Foliumante ĝin, mi hazarde konstatis ke *Dafno* malestas. Oni envortarigis la neologismon *Descendi*, sed mankas la respektiva antonimo *Ascendi*. Dekojn da radikoj kaj aldonaj signifoj de vortoj, kiujn Suplemento de Plena Vortaro entenas, ankaŭ mi ne trovis. El la multaj preterlasitaj radikoj, la sekvantajn mi viciĝas, kun aliaj ne forigendaj pro sia komuna, scienca aŭ teknika uzado: ***Adiabata, Akrostiko, Analgezio, Aneŭrismo, Armistico, Asembleo, Asimptoto, Baskulo, Cibernetiko, Divizoro, Ekstrapoli, Geno, Hulo, Izentropa, Magazino, Nekromancio, Pinaklo,***

Por ne dikigi la volumon, oni konsistigis ĝin el du partoj: I - Ĝustasence vortara. II - Laŭlinia sinsekva listo de vortoj, sen la portugalaj ekvivalentoj. La dua ordigo jen estas jen ne estas konsilinda sistemo. En la unua parto nur vidiĝas esper--portugalaj vortoj, kaj aliaj similaj sinonimoj aŭ klarigoj, se okaze ili estas bezonataj, por eviti konfuzon kaj helpi la komprenon. La elekto, laŭ mia opinio, estis pli arbitra ol sistema. Tie kaj tie, la vortara parto entenas vortojn, kies portugala traduko, neakompanata de samsignifaj esprimoj aŭ klarigoj, ŝajnas nenecesa. Ĉar ili estas facile troveblaj, mi ne transskribas ilin, por ne longigi la recenzon. Observante la principon, kiu pravigis la duan parton, oni ilin devis ankaŭ tie lokigi, pro intuicia ekvivalenteco kaj evidenta ortografia simileco.

Kontraŭe, en la laŭlinia listo, vortoj viciĝas, kiuj diferencas skribe tiamaniere, ke sendube ili embarasos neklerajn konsultantojn aŭ kaŭzos miskomprenon. En *Abato* kaj la portugala ekvivalento *Abade,* ĉe la finaj siloboj, la dentalo-plosivoj T-D, kvankam samorgane elparoleblaj, estas du apartaj konsonantoj. Mezinstruita konsultanto sen etimologiaj konoj, ne sciante la devenajn kaj fonetikajn regulojn, eble hezitos pro la sameco de la esperanta radiko al la portugala verbo *Abat-er* (abat-o, abat-es, abat-e, k. c.)

Kiel ekvivalentoj, troviĝas iafoje arkaikaĵoj aŭ brazilaj vortoj kaj esprimoj. Inter aliaj, mi substrekis la ĉi-subajn. Mi ilin grupigas, apudmetante tiujn portugalajn vortojn, kiujn mi supozas aldonendaj pro ilia ĝenerala uzo. Jen do ili:

BANKEDO = BANQUETE, *ágape* estas arkaikaĵo); FAKTO = FACTO, (en Portugalujo la laŭetimologia prononco estas *faktu,* kaj en Brazilo *fatu)* — aldonaj sinonimoj: ***acção, feito, acontecimento, sucesso, kompleto* = *fato,*** la brazila vorto ***terno*** (vest.), en Portugalujo signifas: ***trio, dolĉa milda, sentema, mala*** k. a. FERIO = FERIADO, LICENÇA, (dia de) DESCANÇO, (***sueto*** estas arkaismo); MENU = EMENTA, LISTA CARTA ***(cardápio*** estas brazila neologismo); NEGLIĜO = ROBE, BATA, PIJAMA ***(chambre*** estas neuzita); MITINGO = COMICIO (pli bone ol ***reunião popular);*** STEVARDO = DISPENSEIRO DE BORDO ***(taifeiro, aero-moço*** estas brazilaj esprimoj); ***Ŝpalo*** = CHULIPA, TRAVESSA DO CAMINHO DE FERRO ***(dormente*** estas neuzita kaj ***estrada de ferro*** nur brazila kombino);

TRAMO = CALHA, CARRIL, RAIL —veturilo = eléctrico; — vojo = LINHA, VIA (*trilho cavado, bonde, tranvia* oni diras en Brazilo); TRIPAĴO = DOBRADA, TRIPAS (*dobradinha* estas brazila dirmaniero).

La brazila dialekto riĉigis la portugalan vortaron per abundeco da esprimoj kaj vortoj signifoplenaj, precizaj, taŭgaj, sed la portugala lingvo, unu el la sep plej gravaj, tuj post la hispana, estas malnova kaj kultura idiomo. Ĝin studas, parolas kaj skribas, volonte aŭ devige, multlandaj studemuloj. profesoroj. lingvistoj, beletramantoj. Adopti la portugalajn esprimojn, paralele kun la brazilaj vortoj aŭ parolturnoj estas rekomendinde kaj oportune kaj devas esti zorgo por fidela vortaristo.

La atenta reviziado absolute sukcesis purigi la provaĵojn. Post perlupea esplorado, oni malkovras nur portugalajn vortojn, kiuj petas ĝustigotaĵojn. Vero estas, ke al tiu, kiu kutime legas portugalajn tekstojn, la brazila ortografio ŝajnas kelkfoje erara, fremda, stranga. En 1945, la Brazila kaj la Lisbona Beletraj Akademioj subskribis interkonsenton por la oficiala uniformigo de ambaŭ ortografioj. Malgraŭ la tiamaj laŭdindaj decidoj, ili daŭre diferenciĝas. Pri tio ne kulpas Portugalujo, kie, ĝenerale, oni respektas la interkonsentitan skribsistemon. Pro kelkaj dubaj difinoj pri flaŭro kaj faŭno, komunaj al vortaroj de Esperanto, mi venis al la konvinko, ke nepre kaj urĝe oni devas fiksi la sciencan kaj teknikan flankon de nia lingvo.

Post tiuj konstatoj kaj pripensoj, kiujn mi faris dum la foliumado, mi plenumas devon: la senrezerva rekomendo de ĉi tiu tre utila verko. La aĉeto de la bonega vortaro de Ismael Gomes Braga estas varme konsilinda. Neniel malgrandigas ĝian valoron kaj aktualecon la faritaj resumaj rimarkoj.

ADOLFO NUNES - Lisboa



**DIALEKTO, DIALEKTIKO** de Delfí Dalmau. Eldono de Belpost, Barcelono. 83 paĝoj, formato 16 x 12 cm. Broŝurita. Prezo: 30 pesetoj. Akirebla ĉe nia Libro-Servo.

De tempo al tempo, en pluraj gazetoj, ankaŭ en BOLETIN, aperis interesaj artikoloj de la kataluna pioniro kaj akademiano, S-ro Delfí Dalmau, kiu tute kompetente kaj ankaŭ tute klare, bele, sprite kaj originale prezentis gravajn lingvistikajn temojn, en rekta rilato kun plej variaj aspektoj de kelkaj lingvaj problemoj kaj tiklaj demandoj, pri kiuj esperantistoj okaze —pli malpli ofte— diskutas.

Sciante la efemerecon de gazeta artikolo —eĉ plej sensacia— S-ro Dalmau havis la ideon represigi kaj kompletigi la kolekton, kun oportunaj aldonoj, laŭ nova aranĝo en plaĉa libreto, kies interĉapitraj demandaroj, por legado kaj uzado en superaj kursoj, liveros ne nur agrablan instruon, sed trafajn klarigojn por lumigi ombrajn flankojn de apartaj konceptoj, ankoraŭ konfuze ekzistantaj eĉ inter verdstelanoj. Ho, la tikla vorteto DIALEKTO...

Cetere, malgraŭ mia antaŭa aserto, la aŭtoro, en komenco de agrabla enkonduko, tre modeste diras: «Mi ne povas eviti, ke mia Esperanto respegulas mian spiriton aŭ personecon, kaj tial, ĝi diferenciĝas de via Esperanto, kiu projekcias vian spiriton, vian personecon», ĉar «Esperanto estas pli natura ol la esperantistoj mem kredas...» Krom tio pri *natura* kaj ne malutila dialektiĝo de ĉiu lingvo, ŝatata temo de la aŭtoro estas la Pasiva Poliglotismo, kiel intersolvo antaŭ la genia solvo de Esperanto, kvankam tio alproksimiĝas lin al simila *intelekta* solvo —fakte empiria solvo!— kiun defendas profesoroj kaj filozofoj, malamikoj de Esperanto.

La lingvo de la verketo, estas bela kaj flua, ĝenata nur de kelkaj preseraroj. La prezento, kiel jam dirite, kvankam simpla, estas agrabla kaj plaĉa. Persone, mi devas sincere kaj... iom honteme danki la mencion de mia nomo, apud aliaj de enlandaj samideanoj el tiuj, kiuj «pli ***nature,*** pli ***facile,*** pli ***korekte*** kaj pli ***elokvente*** parolas, paroladas aŭ verkas en Esperanto ol en sia hejma gepatra lingvo.» Nu...

La originalaj ideoj de S-ro Dalmau certe kompletigos antaŭe akiritajn sciojn pri lingvistikaj temoj, ĉiam frandaj por konscia esperantisto.

LUIS HERNANDEZ

## NEDERLANDANOJ: ATENTU!

**Ĉiu rondoj, antaŭ kiuj prelegis S-ro Hernandez, dum la pasintjara somero, estas tre ĝentile petataj sciigi, ĉu ili regule ricevas nian bultenon, kiel li promesis. Bonvolu informi, eĉ per kelkaj vortoj, en simpla poŝtkarto, al la adreso de nia redaktoro:**

**LUIS HERNANDEZ**

**Recaredo, 22, 1.° Valencia (Hispanio)**

## VIVO SAMIDEANA

S-ano Vicenç Arís, nia bona amiko kaj aktiva esperantisto el Tarrasa, edziĝis la 12-an de pasintjara Oktobro kun Montserrat Lluch. Lia nova adreso estas:
Str. Galileo, 359, 1.° - TARRASA (**Barcelona**)

La 16-an de majo mortis 14-jara filino de nia S-ano Tarragó, de Almatret. Angeles Tarragó tutkore amis nian karan lingvon kaj ŝi multe propagandis ĝin. Ni kondolencas la gepatrojn pro la dolora okazaĵo.

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a JUNIO 1957)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 2.365 | Ptas. |
| P. Naranjo - Jerez de la Frontera | 10 | » |
| R. Albero - Burjasot | 10 | » |
| G. Lenaers - Valencia | 30 | » |
| J. Ballbé Tarrasa | 50 | » |
| J. Pinell - Sabadell | 10 | » |
| F. Piñol - Barcelona | 5 | » |
| J. Vera - Valencia | 15 | » |
| J. Mayolas - Barcelona | 15 | » |
| J. M.ª Bernabeu - Callosa Segura | 25 | » |
| F. García H. - Badalona | 10 | » |
| J. Saladrigas - Badalona | 10 | » |
| X. X. - Moyá | 8 | |
| R. Molero - Moyá | 250 | » |
| P. Naranjo - Jerez Frontera | 5 | » |
| Grupo Puigcastellet - Sta. Coloma G. | 25 | » |
| R. Ayala - Barcelona | 5 | » |
| Total | 2.848 | » |

*Si el calor es vida, ahora, de cara al verano, esperamos que no disminuya...*

## TESORERIA

En el sorteo del 25 de Mayo, por el número 51.013, fué agraciado con las 250 pesetas D. Filiberto García Hurtado, por su n.° 13



## ANONCETOJ



## SCIENCAJ STUDOJ

**Grava verko redaktata de Paul Neergaard**

Okaze de la kvindek-jara jubileo de INTERNACIA SCIENCA ASOCIO ESPERANTISTA, oni decidis eldoni jubilean verkon en la formato de «Esperantologio», sed presitan sur glata kaj dika papero.

La enhavo de la libro konsistos el nombro da traktaĵoj artikoloj-eseoj raportantaj pri originalaj esploroj de esperantistaj sciencistoj, faritaj en la laborkampo mem de la koncernaj kontribuantoj. La enhavo de la volumo estos dividata en du partoj:

PARTO HUMANISMA

Pluraj lingvistikaj studoj.
Historiaj, folkloraj kaj similaj temoj.

PARTO NATURSCIENCA

Astronomiaj temoj, Geologiaj temoj.
Fiziko, temoj de Kemio,
Botaniko kaj hortikulturo-agrikulturo,
Zoologiaj temoj. Medicino.

Se oni antaŭpagas nun - jam antaŭ la Universala Kongreso - oni ricevos la libron je la favora prezo: 105 pesetoj.
Oni pagu kaj mendu al
D-ro D. Llorens, Caballeros, 9 - Valencia
**La definitiva prezo estos konsiderinde pli alta.**

IMP. S. BOAN VIA M. TURIA, 55 VALENCIA